7-a Jaro. N-o 1 Januaro 1928

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germanujo)
Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20 410 — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.



## CELO DE INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO.

Laŭ la nova statistiko de Prof. Dro. Dietterle ekzistas 1700 Esperanto-instruistoj en UEA, SAT, TAGE aŭ ie ajn organizitaj. Certe krom ili ankoraŭ vivas granda nombro de Esperanto-kolegoj en ora izoleco. Tre malfacile estas ektrovi ilin, kiuj sin detenas malproksime de ĉiu societa agado. Reala nombro por nia gazeto, por nia propagando, por niaj projektoj estas 1700. En tiu nombro ni trovas du konkludojn:

1. Ĝi rajtigas nin esperi, ke la legantaro de IPR plue kreskos, ĝis ni atingas aŭ superas la milon. Tiu kresko estas nepre necese, se ni deziras enpenetri en la internacian instruistan movadon, kiu estas tre bonŝanca por nia laboro (rig. la raporton en n-ro 11-12, 1927 de IPR!), kaj se ni deziras influi la laborojn de IALA (International Auxiliary Language Association — Asocio por Internacia Helplingvo en Usono), pri kiuj Prof. Dro. Dietterle detale raportas en n-ro 1, 1928 de IPR.

Rondo de 640 abonantoj, kiun havis IPR fine de 1927, estas tre ĝojiga sukceso en la ĝisnuna evoluo de la instruista movado. Sed ĝi estas ankoraŭ tro malvasta kaj ne permesas eldonon de tre impona gazeto. Nia laboro celu, proksimigi la nombron de la abonantaro al 1700.

2. La instruista gazeto, kiu estas limigita sur legantaron de maksimume 1500 ĝis 1700 kolegoj, devas eviti tendencon, kiu ofendas kaj forpelas duonon de la interesiĝantoj. Mi ne diras — kiel ŝajnas —, ke ne-tendenca, neŭtrala gazeto estas avantaĝo por la propagando de Esperanto. Neŭtraleco enhavas la gravan danĝeron, estiĝi senkolora, senforta, malserioza. Pli alloge kaj pli agrable estas, legi — kaj eldoni — gazeton, kiu servas al iu

---

**La venonta numero aperos la 10-an de Marto.**

klara politika aŭ mondpercepta tendenco. Ĉar ĉiu aktiva homo agas sur iu partia kampo — eĉ la inerta homo nevole — kaj deziras trovi en sia gazetaro opinion, kiu akordas kun lia interna direkto. IPR volonte finos sian vivon, se ĝi estos anstataŭata de vivkapablaj ne-neŭtralaj pedagogiaj gazetoj. Sed en la nuna stato de la instruista Esperanto-movado, en la limoj de la malgranda esperantista instruista popolo, IPR ne povas esti tiutendenca.

Tamen ĝi zorge klopodu eviti la danĝerojn de neŭtraleco. Ĝi ne estu pala malkuraĝulo, kiu pro ĉiama timema ĉirkaŭrigardado ne riskas fari paŝon aŭ diri vorton.

La komuna bazo por IPR estas trovita, se la kunlaborantoj unuavice ne celas konverti alian konvinkon, sed deziras prezenti al tutmonda legantaro informon pri celoj, bataloj, sukcesoj, organizo de la diverslanda instruistaro aŭ pri okazintaĵoj en la pedagogia vivo (leĝoj, decidoj, rezolucioj ktp.). Ni ne estu tro sentemaj, sed pravigu kontraŭan opinion per alsendo de objektiva artikolo. Ni estu altgrade toleremaj, por plej efike en unuigita batalantaro akceli la progreson kaj la finan sukceson de Esperanto.

Kolegoj el ĉiuj landoj anoncu vian kunlaboron promesante almenaŭ du artikolojn (originalajn aŭ prilaborojn de grava materialo el vialanda fakgazetaro) jare por IPR.

Por allogi la ĝis nun flanke starantajn gekolegojn, ni petis la kunlaboron de kelkaj fame konataj Esperantistoj. Ĝis nun tre dankinde promesis sian helpon:

Prof. P. Bovet, direktoro de la Internacia Oficejo de Edukado; Prof. Dro. Dietterle, direktoro de la Esperanto-Instituto por la Germana Regno; Prof. Dro. Collinson, Universitato Liverpool; Prof. Th. Cart, Paris; H. Schneller, Leipzig; A. Degen, Leipzig; Prof. T. T. Findlay, Honorar. prof. ĉe la Universitato Manchester, M. A. (Master of Arts - Oxford), M. E. d. (Master of Education - Manchester), Ph. D. (Dr. phil. - Leipzig); Sam. Jannson, Rektoro de gimnazio Beskov, Stockholm; supera lernejkonsilisto Dr. Kraner, Dresden; Dr. Kurt Riedel, Pedagogia Instituto, Dresden; lernejestro Hahn, Gohlis; Dr. Tögel, Supera Eksperimenta Lernejo, Dresden; studkonsilisto Prof. Lohmann, Radebeul.

M. Goldberg.

## Internacia Oficejo de Edukado (IEO) al la Esperanto-Instruisto.

Kara samideano,

vi certe legis, lastan printempon, pri la internacia konferenco „Paco per Lernejo" kiu okazis en Praha je Pasko. Tiu konferenco, organizita de Internacia Oficejo de edukado, bone sukcesis rilate al sia ĉefa celo; sed tamen, ĝia plej granda sukceso estis certe la antaŭpuŝo, kiun ĝi donis al Esperanto! Unuafoje en internacia konferenco, la lingva problemo dum la kunsidoj estis solvita tiamaniere, ke ĉiu parolanto rajtis, paroladi en sia gepatra lingvo kaj ĉiu parolado estis tradukita nur esperanten. La sukceso de tiu nova metodo estis grandega! Por simpligi la aferon, kelkaj parolantoj uzis tuj esperanton; en tiuj kazoj oni bezonis neniun tradukon. En aliaj kazoj, tiu unu sola traduko, en lingvo facile adaptebla kiel estas esperanto, estis preciza kaj klara, ŝparis multe da tempo, kaj konvinkigis ne nur indiferentulojn, sed eĉ esperanto-kontraŭulojn pri la taŭgeco de esperanto en tiaj kazoj. Sciante antaŭe, ke oni uzos tiun helplingvon multaj

partoprenantoj ĵus lernis ĝin antaŭ la konferenco por kapabli almenaŭ ĝin kompreni.

La fakto, ke I. E. O. estas la unua institucio, kiu riskis tiun novaĵon en internacia konferenco, montras al vi, kiom I. O. E. interesiĝas pri esperanto kaj favoras tiun lingvon. Plue estas notinde, ke la direktoro, la ĝenerala sekretariino kaj diversaj gesekretarioj de I. O. E. estas esperantistoj.

Pro tio ni ne dubas, ke la intereso, kiun vi eble jam havis pri I. O. E. pro diversaj kaŭzoj pedagogiaj aŭ aliaj, pligrandiĝis, kaj ke ni ne vane turnas nin al vi, por peti helpon, subtenon.

La nombro da vizitantoj kaj leteroj, kiuj alvenas ĉiutage al la oficejo pruvas ĝian utilon. Sed por plenumi siajn multajn taskojn, la oficejo bezonas pligrandigi sian membraron, plikreskigi siajn monajn rimedojn. En kelkaj landoj estas jam nacia centro, kiu klopodas en tiu senco. Sed en la plej multaj regionoj nia oficejo estas apenaŭ konata, kaj necese estas trovi sindonan helpanton, kiu propagandus por I. O. E., akirus al ni novajn membrojn aŭ donacantojn. Tiu propagando povas esti farita okaze de iaj renkontoj kaj ne postulas grandan oferon de tempo de niaj helpantoj.

Ni esperas, ke vi bonvolos — komprenante la gravecon de nia laboro kaj la neceson ĝin subteni — konsenti helpi al ni en la dirita senco. Plej dankaj ni estus al vi pri tio!

Por Internacia Oficejo de Edukado
P. B o v e t, direktoro.

## Internacia Oficejo de Edukado kaj Esperanto-Instruistaro.

Ekkoninte la gravan rolon de I. E. O. por la ĝenerala Esperanto-movado kaj speciale por la Esperanto-Instruistaro (rigardu artikolon en n-ro 11—12, 1927 de IPR: Novaj Perspektivoj), la Tutmonda, la Germana kaj la Saksa Asocioj de Esperanto-instruistoj subtenas I. E. O.-n per siaj aliĝoj. Per tio ni deziras instigi la unuopajn kolegojn kaj nun petas vin, ankaŭ persone aliĝi. Ni atentigas vin pri la letero de IOE al la Esperanto-instruistoj en ĉi tiu n-ro. Jam ni povis anonci al IOE kelkajn individuajn aliĝojn. Se via ekonomia situacio permesas tiun helpon, ne malatentu la peton de IOE, sed t u j sendu la kotizon por 1928 (5 sv. fr. aŭ samvaloron) al ĝia adreso: Ĝenevo, 4 rue Charles Bonnet, aŭ al

M. G o l d b e r g.

## Novaj enketoj kaj eksperimentoj rilate la mondhelplingvajn sistemojn.

La eksperimentoj fariĝas sur la bazo de kunlaborado inter 1. „IALA“ en New York kaj 2. „Instituto Jean Jacques Rousseau“ en Genève.

1. IALA estas la nomo por Amerika Asocio por Internacia Helplingvo (International Auxiliary Language Association in the United States, Incorporated). Ĝi estas fondita en 1924 en New York kaj tute neŭtrala asocio, havanta kiel c e l o n la enkondukon de unu helplingvo, kiu estu instruota

al la lernantaro en ĉiuj landoj kiel taŭga rimedo por komuna interŝanĝo de pensoj inter personoj de malsamaj gepatraj lingvoj. Tiu celo postulas neŭtralan kaj objektivan esploron de la tuta mondhelplingva situacio.

Pro tio la laboroj de IALA etendiĝas sur du ĉefaj kampoj:

1. IALA klopodas interesigi grandajn rondojn por la helplingva movado;
2. ĝi faras esplorojn sur 3 kampoj:
   a) sociologia, b) lingva, c) pedagogia kaj eduka.

Rilate la punkton c) IALA kunlaboras kun la Instituto J. J. Rousseau en Genève.

Ĉi tiu instituto, kunlaboranta kun la universitato de Genève, estas altlernejo pri pedagogia kaj edukaj sciencoj, kiu speciale interesiĝas pri infanpsikologio kaj eksperimenta pedagogio. Tial ĝi ankaŭ interesiĝis pri la enkonduko de Esperanto en la lernejoj. Serio da konsultoj jam okazis en Genève kaj en New York dum la jaroj 1925-26 inter Prof. Bovet, direktoro de la Instituto J. J. Rousseau, kaj reprezentantoj de IALA kaj reprezentantoj de la Instituto de Eduka Esploro ĉe la „Institute of Educational Research, Teachers College, Columbia University".

Dum ĉi tiu kunlaborado oni akceptis programon, laŭ kiu oni celas

1. mezuri la progresojn dum lernado de iu helplingvo en lernejaj kursoj, kies instruistoj deziras serioze kunlabori,
2. prepari diversspecajn „testojn" (A. L. testoj-Auxiliary Language testoj) kaj eksperimentadi sur la bazo de tiuj testoj kun la helpo de la instruistoj, kiuj deziras kunlabori.

IALA kaj la instituto J. J. Rousseau pro siaj celoj bezonas la kunlaboradon de la reprezentantoj de la diversaj mondhelplingvaj sistemoj kaj esperas ke ili subtenos energie ĝian laboron.

## Ni Kunlaboru.

En la supra artikolo pri novaj enketoj kaj eksperimentoj ni atentigas, ke IALA, same kiel la Instituto J. J. Rousseau, bezonas la kunlaboradon de la reprezentantoj de la diversaj mondhelplingvaj sistemoj. Ekzistas neniu kaj nenia kaŭzo, ke ni, Esperantistoj, rifuzu tian kunlaboradon. Tute kontraŭe! Ni ĝoju pri la fakto, ke du tiom gravaj institucioj, kiel IALA kaj Instituto J. J. Rousseau, neŭtrale kaj objektive volas esplori la mondhelplingvan situacion, donante tiamaniere al ni la eblecon, montri sur la vojo de novaj enketoj kaj eksperimentoj, kaj precipe sur la vojo de test-eksperimentoj, la ĝeneralan taŭgecon de nia lingvo kaj precipe ĝian pedagogian kaj edukan valoron.

Multaj el niaj rondoj persone konas sinjorinon Alice V. Morris, kiu tiel simpatie reprezentis IALA-n dum niaj lastaj internaciaj kongresoj, kaj ili scias, kiel favora ŝi estas al nia movado. Multaj ankaŭ konas sinjoron profesoron Bovet, kiu de la Pedagogia Konferenco en Genève en 1922 (aranĝita de la Ĝenerala Sekretariaro de la Ligo de Nacioj) ĉiam tre bone sukcesigis nian aferon. Do, demandite, ĉu la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko volos kunlabori kun IALA kaj la Instituto J. J. Rousseau, por havigi al ĉi tiuj institucioj la necesan materialon, mi tre volonte konsentis kaj promesis fari ĉion por tia kunlaborado, ĉar mi havas la nepran konvinkon, ke el ĝi ankaŭ rezultiĝos multaj profitoj kaj sukcesoj por la Esperanto-movado.

Mi baldaŭ al la interesuloj — t. e. al la instruistoj, kiuj aliĝis al nia movado — pli detale kaj regule raportos pri la laboro farenda. Mi turnas min al ĉiuj instruistoj esperantistaj, precipe ankaŭ al tiuj, kiuj jam instruis

Esperanton en lernejoj. Pro tio mi unue petas ĉiujn asociojn, grupojn k. t. p., ke ili sendu al mi kiel eble plej multajn adresojn de instruistoj ĉiuspecaj, kiuj jam estas Esperantistoj aŭ montras iun ajn intereson por niaj lingvo kaj movado.

Per mia laboro mi interalie esperas, povi doni al nia movado la ofte deziritan statistikon por instruistoj kaj lernejoj.

Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko.
D-ro Dietterle.

# TUTMONDA ESPERANTISTA PEDAGOGIA SERVO.

## El Ĉeĥoslovakio.

### Niaj lernejoj.

Laŭ statistiko ni povas ekscii, ke en jaroj 1910—1917 nombris analfabetoj en Usono 7,7 %, Francio 17,8 %, Italio 38 %, Hispanio 49,9 %, Grekujo 57,2 %, Rumanio 60,6 %, Brazilio 85,2 % ktp. En estinta Aŭstrujo 26,2 %. Kiom ŝanĝis la nombro de analfabetuloj postmilite? Precipe en Bohemio la nombro malpliiĝis ĝis 2,1 %. Ankaŭ najbara Moravio 2,65 %, en Silezio 3,12 %, nur la klopodado en Slovakio (14,71 % da an.) kaj Supkarpata Rusujo (50,03 %) malrapide kaj tra malfacilaĵoj progresas. Tamen la nombroj nur montras bonan rezulton de edukado en niaj lernejoj.

Reakirinte sendependecon ni malfermis pordojn al la eksterlandanoj, kiuj vizitis niajn lernejojn kun intenco aŭ elporti lernon de nova kredo por popolklerigeco aŭ ekinterrilatiĝi aŭ fine trovi diversajn ekkonaĵojn, kiuj naskus atenton hejme ĉe ilia gazetaro k. a. Certe multaj venis al ni similaj al nekleruloj de meza Afrika. Pro tio multaj surpriziĝis trovinte lernejojn prizorgitajn laŭnecese precipe tiujn en la plej forlasitaj vilaĝoj kamparaj.

Estas kompreneble, se lernejoj troviĝas en pli grandaj lokoj, sed ne ĉiu volas kredi, se ni diros, ke eĉ en la plej malproksime de urboj kuŝantaj vilaĝoj ekzistas, estu nur unuklasaj lernejoj, ke ankaŭ el la lernejoj, kies lernantoj kun instruisto vivas malbone situataj, ja eĉ en vera malriĉeco, tamen eliris homoj kun bona mezinstruiteco — mi ja ne parolas pri eminentuloj, sed nur pri ordinaraj personoj.

Tamen niaj lernejoj ne estas sen mankoj, sed unu el ĉefaj mankoj vidiĝas el la fakto, ke dum centjaroj edukado estis perfortita de aŭstra registaro.

En nia lando estas lernejoj „ĉiutagaj", „liberaj", „poreksperimentaj", „novaj lernejoj" — la tri lastaj specoj fonditaj post la sendependiĝo de Ĉeĥoslovakio.

Simplaj „ĉiutagaj-lernejoj" preparas al la civitana vivo aŭ al pli altaj lernejoj. Tre ofte en tiuj lernejoj la instruisto devas laboraĉi sub malbonaj cirkonstancoj en klasoj kun granda nombro da lernantoj, en klaso ofte pli ol troplenigata. Spite de tio la rezultoj proporcie estas bonaj, eĉ bonegaj. Sed ne unu el tiuj lernejoj, eĉ lernejo atinginta plej bonan rezultaton, ne sukcesos veki la atenton de l' aŭtoritatoj.

La „liberaj", „novaj" aŭ „eksperimentaj" lernejoj estas pli favorataj, atentataj kaj helpataj. Kial? Ĉu bona klerigema instruisto sopiranta novajn

metodojn kaj sekvanta la ĉiulandajn edukpenojn ne estas tiom kompetenta kiom la instruisto en la „eksperimenta“ lernejo? — se ne pli kompetenta ol li? Certe malfacile estas instrui „talentojn“ de selektitaj infanoj, sed eĉ pli malfacile estas instrui la popolidan amason mem, meztalentan infanaron de laboristaro kaj kampanaro.

Alia grupo de lernejoj estas tiu de l' „ekleziaj“. Se postmilite ĝojiga estis la klopodado ĉelanta liberigi la lernejojn de ĉiu ajn eklezio, la nuna stato vidiĝas, kiel reiro al iama preskaŭ mezepoka situacio de la lernejo. Nia nuna financministro proponas, ke la elspezojn por lernejaro kaj instruistaro pagu aŭtonomiaj tutaĵoj (komunumoj). Sed ĉar plejmulto de tiuj komunumoj estas en malbona financa situacio, li tuj aldonas, ke oni enkonduku la t. n. „porlernejan kotizaĵon“, pagotan de plej riĉaj civitanoj. Hipokrita rimedo por malvalorigi la popoledukadon, kiu nepre bezonas esti senpaga. Ĉar plejmulte da naciaj regantoj estas klerikaluloj havantaj preskaŭ nenian intereson por klerigo popola, ni komprenas la signifon de la ministra propono. Oni ankaŭ senĉese parolas pri salajro de geinstruistoj, sed neniu aludas pri la tute ne bezonataj elspezoj por ĉiu ajn eklezio kaj pri la trograndigitaj elspezoj de diversaj ministerioj.

Tial ĉiu komprenas la avertajn vortojn de eminenta prof. D-ro Em. Svoboda: „Kondiĉo de firmigo kaj ekflorado de demokratio estas disvastigado de saĝeco kaj karaktereco en popolo. Disvastigado de tiuj ecoj de racio kaj koro devas esti tasko de la lernejo. Tial en la lernejo devas regi animo de libereco, vero kaj honesto.

„Konfesia lernejo limigas en infanoj liberan disrigardon tra la pensa verko de la homa kulturo, ĉar ĝi entrudas al ili spiritmalvastan kaj antaŭjuĝeman ideon de la eklezia grupo, kiel solan senescepte validan. Ĝi instruas al infanoj malŝati alies doktrinojn kaj havi venĝemon, se ne malamon, kontraŭ homoj kun alia konvinko. Ĝi kondukas la infan-animon al antaŭjuĝemo, netoleremo, mokemo kaj malboneco. Ĝi instruas al ili, subrigardi (mistaksi) la sciencon, kiu estas la granda instruisto de la homaro kaj en kiu kuŝas senlima estonteco de l' homanimaj ofensivoj.

Konfesia lernejo estas tiamaniere ekstrema danĝero por popoleduko al libereco, kaj morala honesteco, kiuj estas la fundamentoj de demokratio. Batalo por libereco de lernejo estas batalo por vivo de demokratio.“

Jar. Machek.

## El Ĉeĥoslovakio.

Atentu ĉiulandaj instruistoj pri la reefikoj en ĉiuj landoj de la germana nova instru-leĝo!

Apenaŭ efektiviĝis nova instru-leĝo en Germanio kaj jen venas jam niaj malprogresemaj ekleziuloj romkatolikaj por ankaŭ por nia infanaro konstrui tombon al klereco. Tiel nomata „Popola partio“, gvidata preskaŭ nur de pastroj, klopodas nun forigi bone jam prosperintan postrevolucian lernejon, kiu signifis liberigon de infano de monarkisma spirito kaj eklezia ordonaĉo.

Citata partio intencas ruinigi ankaŭ internan konstruon de la lernejo, disigi ĉefe la spiriton de historio, kiam la popolo vivis sekve de propra liberigo de eklezia premado romkatolika kaj proprapiede sin starigis. Kompreneble estas, ke Hus-ismo (Johano Hus estas ĉeka reformatoro, aliigita la doktrinon de Wiclef, brul-ekzekutita en Konstanz, Svisio, en 1415) estos ĉiam nerompebla nukso por ĉekaj katolikoj kaj kompromiso kun

bruligita Hus hodiaŭ estas kaj estos ĉiam neebla kun la tradicio de popola konscienco eĉ senkontraŭstara.

„Germania docet“ diras klerikuloj. „Kion oni sukcesis en Germanio, kio malhelpas, ke oni ankaŭ ĉe ni sukcesigu?“ Klerikuloj ne povas pardoni al nia lernejo la postmilitan liberiĝon de Eklezio.

Jaroslav Machek, lernejestro.
Slatina — p. p. Chanovice apud Horazdovice. (Ĉeĥoslovakujo.)

## El Francio.

### Kiel kuraci la krimemajn infanojn.

La parolado, kies resumon ni represas, estas farita de fama psikiatra D-ro Rubinoviĉ, direktoro de la hospitalo „Bicètre“ en Paris. Li estas unu el plej famaj psikiatroj de la nuntempo kaj estas komisiata, esplori la psikon de l' akuzitoj dum la juĝistaj enketoj. Tiun interesan paroladon dissendis la radiostacio „Radio-Paris“ en Novembro kaj tiu kompensas iom la aŭskultantaron, kiuj plej ofte aŭdas la katolikajn predikojn, la stultan reklamaĵon, la kontraŭlaboristajn (ĉefe antikomunistajn) rakontojn de tiu-ĉi stacio.

La krimemaj infanoj estas vundo kun tre kompleksa naturo kaj kun multaj kaŭzoj. Kelkaj bonintencaj personoj deklaras, „ke ne ekzistas krimema infanaro, ke ekzistas nur malfeliĉa infanaro“. Tre bedaŭrinde mi devas deklari, ke ĉi personoj grave eraras. Ekzistas ja krimema infanaro kaj nei tiun fakton, estas kuraci vundon per larmoj.

Ekzistas malbonfarantaj infanoj kun plej diversspecaj malvirtoj: infanoj mortigemaj, ŝtelemaj, sekskontraŭnaturaj, ktp. ktp. Tiuj infanoj aperas kontraŭ sociaj, kaj estas neeble, konservi ilin en la norma socio, en la lernejo kaj familio.

Por la edukisto kaj la kuracisto estas tre interesa la fakto agnoskita de ĉiuj fakaj kuracistoj, ke ĉiu el tiuj infanoj, kiu montris sian malnormecon per karakteriza kulpo, havas tutan historian vivon kaj eĉ posedas tutan historion — ĉar antaŭ ol tia infano estu kaptata, li faris tutan sinsekvon de apartaj agoj (persona historio) — aŭ liaj gepatroj aŭ geavoj kaj prapatroj donis al li pezan heredaĵon (hereda historio). Tiun personan kaj heredan historion devas koni la kuracisto kaj la edukisto, ĉar ĝi kondukas al la trovo de la malsankaŭzoj kaj al la takso de la malsan- kaj kuracgrado.

Jen estas knabo X. ŝtelisto, mensogisto kaj onanisto. Post serioza esploro la kuracisto konstatis, ke lia malvirteco devenas nur de letargia encefalito (kapmalsano karakterizata de dormemo). — Jen f-ino Z. juna prostituistino jam plej kontraŭnatura kun psiko tre misformita. Enketo montris, ke ŝi vivis en multnombra familio, kuŝas en sama ĉambro kun ses da gefratoj, sin konsideris ĝenaĵo en la hejmo kaj trovis en prostituado liberiĝon.

Estas necese serĉadi kaŭzfaktorojn kaj funde enketi pri ĉiu kaŭzo. Necesas enketi pri la biologia pragepatraro de la infano — enketi lin mem je vidopunkto: biologia, psika, antropologia, kaj nur tiel estas eble, trovi la faktorojn de la danĝera aŭ ne danĝera subnormeco mora de l' infano, kiu respondas al aparta stato de lia intelekta kaj korpa evoluo. Speciale atendinda estas la stato de la glandorganoj.

Jen estas statistiko de mi verkita laŭ propraj spertoj pri 627 infanoj, kiujn oni sendis al mi.

224 mensaj anomalioj (eksternormaĵoj) gravaj, kaŭzitaj de peza heredeco venanta senpere de gepatroj: alkoholismo, tuberkulozo, sifiliso. — 403 aliaj kazoj malpli gravaj karakterizataj de negrava misevoluo de la morala sento pro mor-malsana medio.

Kiel prezentiĝas por la socia edukado la grava problemo de la socidanĝeraj infanoj? Ĝin oni povas solvi certe ne per la puna maniero, liverante la kulpajn infanojn al malliberigistoj aŭ karcerejaj gardistoj. Ekzistas en Francio leĝo de 23-a de Julio 1912, kiu fondis la porinfanajn tribunalojn. Estas necese, ke ili fariĝu grandega konsultejo por malsanaj infanoj. Ĉiu nenorma infano kulpinta estu ekzamenata je la tri vidpunktoj fiziologia, psika kaj antropologia. La laboro farenda estas ankoraŭ grandega. Estas necese, laŭscience kaj ĝuste disklasigi tiajn infanojn laŭ jenaj tipoj:

1. - normaj infanoj kun nur ne gravaj mismoroj facile kuraceblaj,
2. - infanoj negrave malnormaj pro nerva psika malforteco, kiuj bezonas ricevi reedukadon kaj apartan kuracon,
3. - infanoj kun grava anomalio herede kaŭzita bezonantaj observon kaj kuracon en internejo,
4. - kelkaj nekuraceblaj malvirtuloj, kiujn estas necese loki en azilo sendanĝeriga (malliberejo).

Ne sufiĉa zorgo por la psika sano de l' infanaro havas ne antaŭe kalkuleblajn danĝerservojn. Certe jam multon faris la „franca asocio por sano de l' infanaro“ de D-ro Jules Simon. Sed ne sufiĉas la fondo de la porinfanaj tribunaloj kaj mankas la materiaj, la necesa mono. Registaro sub premado de popola opinio donu la monrimedojn sufiĉajn, por kuraci kaj resanigi la kulpajn infanojn.
D-ro Rubinoviĉ.

# **Internacia Esperanto-Servo.**

## Esperanto en la lernejoj de l' Saar-Teritorio.

La registara komisiono de l' Saar-Teritorio, sekcio de Kultoj kaj de l' Publika Instruado publikigis la sekvantan dekreton (J. Nro. 11 990-27, 18.7.27): „Ni konsentas, ke Esperanto estu enkondukata kiel fakultativa instrufako en la superajn kaj mezajn lernejojn. Kie troviĝas instruistoj kapablaj instrui Esperanton, tie la enkonduko povas okazi jam dum la nuna lernejjaro. Rekomendinda estas dumjara kurso enhavanta du lecionojn posemajne en iu meza klaso, ekzemple en la malsupra dua klaso (10-a lernejjaro). Kurso por instruistoj pli malfrue estas intencata. — subskr.: Dro. Colling. — Direktita al la direktoroj de l' superaj lernejoj, la rektoroj de la mezlernejoj kaj la prezidantoj de la lernejaj reprezentantaroj.

## Esperanto en la instruado.

La Instituto Meschini, havanta lernejojn en ĉiuj urboj de Italujo metis Esperanton en sian programon. Laŭ rekomendo farita per dekreto speciala de l' Prusa Ministerio de Publika Instruado en 1922, la reform-realgimnazio de Sprottaŭ en Silezio enkondukis la instruadon de Esperanto en la tri superajn klasojn. La Popola Komisariejo Armena en Ervian (Armenio) permesis la enkondukon de Esperanto en ĉiujn superajn klasojn de la perfektigaj lernejoj.

## Kiu okupas sin pri Esperanto?

Okaze de la pasinta 40-jara jubileo de Esperanto estas interese scii, kiu okupas sin pri Esperanto. Inter la 100 partoprenintoj el 36 landoj en la 19-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazis en Danzig, troviĝis inter alie: 5 politikistoj, 58 scienculoj, 110 profesoroj, instruistoj kaj pedagogoj, cento da ŝtatoficistoj, inter kiuj mūltaj oficistoj de PTT kaj de l' fervojo, 23 advokatoj kaj notarioj, 33 kuracistoj, 14 pastroj, 22 redaktoroj kaj ĵurnalistoj, 64 komercistoj, industriuloj, bankieroj ktp. ktp. kaj pli ol 150 studentoj kaj lernantoj.

## Esperanto en la servo de l' scienco.

La uzo de Esperanto en la rondoj sciencaj de Japanujo pligrandiĝas. Antaŭ nelonge la Universitato de Nagasaki (Japan.) sendis prof. Dron. Hazime Asada al Eŭropo, por fari enketon pri la diversaj metodoj de l' aplikado de jurmedicino. Prof. Asada uzas nur Esperanton por komprenigi sin dum ĉi tiu vojaĝo. Li jam faris paroladojn en tiu ĉi lingvo en diversaj urboj de Eŭropo kaj estas ravita pri la rezultatoj. Sekcia ĉefo de l' japana trafika Ministerio Prof. Dro. Ossaka faris la saman eksperimenton kun la sama sukceso.

## La japana fervojaro kaj Esperanto.

Ĵus aperis en Japanujo verkaĵo, kiu montras, ke oni pli kaj pli uzas Esperanton. La ministerio de l' fervojoj en Tokio eldonis en Esperanto belan volumon artan pri Japanujo, destinita por faciligi la vojaĝon en tiu ĉi lando, donante al la eksterlandanaro ĉiujn utilajn informojn.

## Esperanto en la Kongreso de Stenografio de Bruselo.

Post diskuto en Esperanto, resumigita en franca lingvo, la kongreso internacia de stengrafio en Bruselo adoptis unuanime la sekvantan dezir-esprimon:

„Por helpi la normalan disvastigon de Esperanto estas dezirinde, ke ĉiuj esperanto-organizoj instigas sian membraron al la studo de esperanta stenografio kaj klopodas krei en sia rondo komencan centron de esperanto-stenografoj".

Pro sia partopreno en la ekspozicio la Internacia Asocio de l' Esperantistoj-Stenografoj (I. A. E. S.) akiris oran medalon. Plue la komitato alĵuĝis bronzan medalon al s-ro A. Lefebre, aŭtoro de la adapto de l' franca sistemo Aimé-Paris al Esperanto.

## Tutmonda Lerneja Servo.

TLS bezonas urĝe **adresojn de negermanaj infanoj.** Kolegoj en ekstergermanaj landoj subtenu niajn klopodojn por atingi veran kaj impresan internacian korespondadon inter gejunuloj. Pro la bona organizo de la germanaj esperantistaj instruistoj kaj pro la multaj Esperanton lernantaj infanoj en popollernejoj ni povas havi ĉiutempe adresojn de germanaj korespondemaj geknaboj.

La d i s d o n o d e l a a d r e s o j okazas nur je la fino de ĉiu monato (escepte de julio). Per tio TLS havas pli bonan superrigardon pri la esprimitaj deziroj kaj ĝi havas pli grandan eblecon doni adresojn el diversaj landoj al la petinta klaso.

**Tutmonda Lerneja Servo,**
Richard Müller, instruisto,
Auerbach i. V., Kaiserstr. 53, Germanujo.

## Kiom da geinstruistoj havas Polujo.

La lasta numero de la „Wiadomosci Statystyczne“ (statistikaj informoj) donas tre interesajn sciigojn pri la instruistoj en popolaj lernejoj en Polujo.

En la lerneja jaro 1926-27 estis 28 243 instruistoj kaj 35 304 instruistinoj. Do entute 63 547. Kun plenaj kvalifikoj 24 398 instruistoj kaj 30 570 instruistinoj. 1 747 instr-oj kaj 1 866 instr-inoj povas ricevi plenan kvalifikon post certa tempo, la ceteraj 4 966 ne posedas tutan kvalifikon.

La nombro de la geinstruistoj ĉiujare kreskas. Ekzemple en 1923—24 estis 61 447 geinstruistoj kaj en 1925—26 jam 64 658. En la lasta jaro okazis malgranda malkresko pro maldungo de parto da nediplomitaj geinstruistoj.

K. Majorkiewicz.

## Salajroj de Instruistoj en Sovetio.

Centra Komitato de profsindikato de Instruistaro en Sovetio antaŭ nelonge faris detalan studesploron pri nunaj salajroj de instruistoj en Sovetio. Kelkaj ciferoj, kiuj pleje ilustras tiun ĉi problemon estas citataj el oficiala revuo de Financa Komisario „Financoj kaj ŝtatekonomio“ (38/46 — 27 j.).

La meznombra salajro de instruistoj en duagradaj lernejoj (t. e. la aritmetika rezulto, se oni la tutan monatan salajron dividas je la nombro da instruistoj) montriĝas en jenaj kolonoj laŭlande. La unua kolono montras la meznombran salajron en nunaj (ĉervoncaj rubloj) la dua en antaŭmilitaj rubloj, transkalkulita laŭ la proksimuma (rondcifera) koeficiento 0,5.

| | en nuntempa valuto | en antaŭmilitaj rubloj |
|---|---|---|
| U. S. S. R. | 54,63 | 27,31 |
| Rusio (R. S F. S. R.) | 57,65 | 28,82 |
| Ukrainio (U. S. S. R.) | 47,13 | 23,56 |
| Blankrusio (B. S. S. R.) | 50,00 | 25,00 |
| Transkaŭkazio (Z. S. F. S. R.) | 45,13 | 22,56 |
| Uzbekio | 76,28 | 38,14 |
| Turkmenio | 82,22 | 41,11 |

Antaŭ la milito la salajro de ŝtataj instruistoj estis 75 rubl. por la normo da 12 unuhoraj lecionoj dumsemajne. Nun kiel la normo de instruista salajro estas fiksitaj 18 lecionoj posemajne. Konformigante la antaŭmilitan salajron de l' instruisto en duagrada lernejo al la nuna normo, oni havas ekvivalenton de 112,5 rubl. Kompare al la antaŭmilita salajro de l' instruistoj la nunaj salajroj estas jenaj %-oj de l' antaŭmilita salajro:

| | |
|---|---|
| U. S. S. R. | 24,2 % |
| Rusio | 25,6 % |
| Ukrainio | 21,0 % |
| Blankrusio | 22,0 % |
| Transkaŭkazio | 20,0 % |
| Uzbekio | 33,9 % |
| Turkmenio | 36,5 % |

Tiuj ĉi rezultoj de l' esplorado, farita de Instruista Profsindikato, refutas la oficialan konkludon, ke la nuna salajro de l' instruistoj atingis 42% de la antaŭmilita.

La salajroj de la instruistoj varias ne nur laŭ nomitaj landoj (suverenaj respublikoj) sed ankaŭ laŭ tarifaj zonoj sur la teritorio de sama respubliko. La plej malaltaj salajroj estas 37,59 rubl. pomonate por la instruistoj de unuagrada lernejo en Blankrusio (por 24 lecionoj posemajne) kaj 45,13 rubl. por la instruisto de duagrada lernejo en Transkaŭkazio.

Kiel la plej altaj monataj salajroj estas nomitaj:

| | unuagrada lernejo | duagrada lernejo |
|---|---|---|
| En gubernio de Moskvo | 55,41 | 72,02 |
| Uzbekio | 69,26 | 76,28 |
| Turkmenio | 54,97 | 82,22 |

Elĉerpis: 3637.

## Psikanalizo kaj individupsikologio.

(Laŭ artikolo de prof. Messer en la monata revuo: Philosophie und Leben [filozofio kaj vivo].)

Iun tagon, al la Wien-a nervkuracisto Sigmund Freud (naskiĝis en 1856) venis junulino, kiu ne povis trinki sekve de nerva malakcelo. Ĉe la kuracado la kuracisto ekkonis la kialon. Antaŭ multe da jaroj ŝi iafoje estis trinkinta kun ega naŭzo akvon el glaso, el kiu antaŭe la malamata guvernistino estis trinkiganta sian ludhundon. Freud ekpensis, ke la subkonscia daŭra efiko de la tiam subpremita naŭzo kaŭzis la de la nervoj kaŭzitajn kontrakturaĵojn. (Kontrakturo laŭ Baudouin „Arto de Memdisciplino" [Biblioteko Tutmonda, Mosse, Berlin] stato, en kiu muskoloj restas senvole pli malpli daŭre streĉitaj).

Tiamaniere Freud estis ekkonanta, kiun gravecon la ne- (sub-)konscia anima vivo havas ĉe la ekesto de nervaj malsanoj, plue de revoj, subitaj ideoj, de maltrafoj, dir- kaj leg-eraroj. (Maltrafo laŭ Baudouin movo aŭ ago, kiuj ne trafas la volitan celon, sed trafas erare kaj senvole alian celon subkonscie deziritan). La efikado de la subkonscio ŝajnas al li esti ne sensenca, sed laŭsenca, kaj li opinias forigi la konfuzantan efikon kvazaŭ lumigante la internon de la konfuzantaj kialoj (kiujn li opinias plej ofte forgesitaj kaj subpremitaj malagrablaj travivaĵoj dum la infanaĝo) helpe de la „psikanalizo" (arto dividanta la tutan psikan fenomenon en ĝiajn elementojn kaj esploranta la subkonscion.

Freud rigardas la seksan instinkton la reganta potenco en la tuta instinktaro, ankaŭ ĉe la malgranda infano. (Tiu infaneca sekseco laŭ lia opinio vidiĝas jam en la aĝo de suĉado!) Tiu klarigo unuflanka de la instinkta vivo estas tre problema kaj povas esti — ŝajne realigita, ĉar Freud rigardas ĉiun celadon celado al ĝojo (same erare!) kaj aplikas la nomon volupto seksa (Libido) koncerne ĉiun celadon. La seksa instinkto laŭ lia opinio estas la movanta forto de la tuta anima vivo. Sed realeco, moro kaj moralaj opinioj ĉe la infano kiel ĉe la plenkreskinto multfoje abrupte kontraŭstaras al la plenumo de la seksaj deziroj. Ili estas subpremitaj en la subkonscion kaj efikas kiel nervaj malsanoj — neŭrozo — kaj aliaj fenomenoj. La kuracisto refaras la egalpezon perditan pro la subpremo, nuligante per analizo la subpremon, konsciigante la subkonsciaĵon kaj montrante la vojon al la

„sublimado“ de la seksa instinkto, t. e. efiko de la instinkta energio per sindonemo al kulturtaskoj. (Sublimado laŭ Baudouin uzado de instinktoj kaj malmoralaj fortoj por moralaj celoj).

Sub la influo de Freud, sed memstara en siaj fundamentaj pensaĵoj estas Alfred Adler, same kiel Freud kuracisto en Wien. Apogante sin sur siaj spertoj kiel kuracisto kaj observinto de la homoj li rigardas sekvante la doktrinon de la filozofo Nietzsche la „volon al potenco“ kaj per tio al ŝatateco en la societo la fundamenta stimulo. Laŭ lia opinio ĉi tiu sin montras efikanta jam dum la frua infaneco precipe ĉe tiuj, kiujn oni taksas malaltvaloraj aŭ kiuj mem sin rigardas tiaj. Ĝi instigas ilin al malsocia konduto (obstineco, malcedemo, ŝtelado, mizantropeco) aŭ al senbriga ambicio, ŝato de la propra fambrilo (prestiĝo) -sed iliaj fortoj ĉesas ĉe la plenumo de vere seriozaj taskoj.

Neŭrozulo petas de Adler, havigi al li laboron. Adler demandas: „Kian laboron?“ — „Mi faros ĉiujn laborojn.“ — „Ĉiujn — tio estas multe tro malmulta!“ — Tiamaniere Adler senmaskigas la neŭrozan malfortulon „okupiĝanta“ pri ĉio, sed ne volanta „labori“.

Iu rakontas al Adler pri verkisto edziĝinta la kvaran fojon. Adler aldonas: „Malbravulo!“ — „Kial?“ — „Kvar edzinoj estas multe malpli multe ol unu, se oni devas kunvivi kun ŝi.“ Tiamaniere ankaŭ ĉi tie Adler pruvas sian sagacecon ekkonante la malfortulon interne malfortan, sed kun volo al valoro ekstere validonta.

Se oni nomas la psikologian teorion de Adler individupsikologio, oni volas per tio diri, ke li komprenas la diversajn fenomenojn kaj malordajn funkciojn en interligiteco al la tuta individuo kaj ĝia individueco. Tiu trajto estas ankaŭ ekkonebla ĉe Freud, sammaniere ambaŭ rigardas la konscian psikan vivon formita kaj influita de subkonscia fundamenta stimulo. Tiu unueca interpretado de la psikaj fenomenoj diferencigas ilian doktrinon de la sensualisma psikologio, kiu volas bazi la tutan psikan vivon sur la multeco de perceptoj (percepto = elemento de la sperto, kiun donas al ni la sentorganoj).

Adler akcentas precipe la interrilatojn de la individuo al la societo, kaj klopodas superi la malhelpaĵojn de tiuj interrilatoj kaŭzitajn de la volo al potenco kaj de bezono prestiĝa. Tial oni povus karakterizi lian individupsikologion kiel sociologian psikologion. Ke ĝi donas al la pedagogoj multajn sugestojn, tio estas evidenta. Schneller, Leipzig.

# 5-a Kongreso de la Internacio de la Instrulaboristoj en Leipzig.

Pedagogian semajnon kun la tagordo „La Proletaria Infano“ okazigas la Instrulaboristoj en Leipzig, 8.—14. Aprilo. La specialaj temoj estos:

1. La ekonomia kaj morala situacio de la proletaria infano. 2. Celo de la edukado. 3. Instruprogramoj kaj metodoj. 4. Organizacio de la lernejjaro. 5. Disciplino en la lernejo.

Pri ĉiuj temoj parolos kolegoj el la diversaj sekcioj de la Internacio. Post la Pedagogiaj Tagoj okazos la oficiala Kongreso de la Instrulaboristoj, kiu traktos sindikatajn demandojn.

Dum la tuta semajno estos montrata interesa internacia ekspozicio.

Aliĝojn vi povas sendi ĝis 15. Marto al M. Goldberg.

## Kongreso de la Internacia Federacio de Instruistaj Asocioj en Berlin.

Okaze de tiu kongreso la Germana Instruista Asocio arangas Pedagogian Kongreson de 12. ĝis 17. Aprilo en Berlin. Riĉega programo de raportoj, gvidoj, ekspozicio kaj festaj aranĝoj estas anoncita. Ampleksa superrigardo pri ĉiuj novaj reformklopodoj kaj pri la novtempa germana popollernejo montriĝos. La lernejadministracioj estas petitaj, plifaciligi la viziton de la kongreso per donado de forpermesoj.

En la internacia kongreso ankaŭ estos traktata, laŭ informo de s-ro Lapierre, nia propono, permesi la aplikon de Esperanto por la internaciaj interrilatoj.

## Internaciaj Pedagogiaj Kongresoj Paskon 1928.

1. Internacia Konferenco pri bilingvismo, Luksemburg, 2.-5. Aprilo, aranĝata de Internacia Oficejo de Edukado. Ĝi esploras la psikologiajn kaj pedagogiajn problemojn de bilingvismo (gepatra lingvo ne estas oficiala aŭ sola oficiala lingvo).

Konferenclingvoj estos: franca, angla, germana, itala kaj esperanta. Tradukoj ne okazos!

2. 5-a Kongreso de la Internacio de la Instrulaboristoj
2-a Kongreso de la Internacia Federacio de Instruistaj Asocioj.

## Interreligia Konferenco Internacia por la Paco.

En Hago okazos de 31. Julio — 2. Aŭgusto Interreligia Konferenco porpaca. La intenco estas montri, ke la vera paco devas baziĝi sur bonvola, religia aŭ homaranisma spirito. Eminentaj parolontoj de diversaj religioj atestos pri sia deziro al kaj laboro por tutmonda paco.

Same dum la Praha Konferenco „Paco per Lernejo“ ĉiuj diverslingvaj paroladoj estos tradukataj en Esperanto.

S-ro Dro. Privat interpretos kaj estos invitata paroli pri „Homaranismo de Dro. Zamenhof“.

Ĉar la Konferenco okazos ĵus antaŭ la Antverpena Kongreso la Esperantistoj povos facile halti en Hago dumvoje al la Kongresurbo. Mi esperas, ke multaj samideanoj venos kaj ke ili instigos ankaŭ ne-Esperantistojn, partopreni.

Multe vi faciligus la laboron de la organiza komitato, aliĝante kiel eble plej baldaŭ. La kotizaĵo estas 3 hol. guldenoj. Eventuale vi povas ĝiri tiun sumon sur la konton de I. R. G. Isbrücker 10866, Hago.

Por sukcesigi la Konferencon, la komitato devas disponi pri mono kaj pro tio afable petas mondonacojn laŭ povo kaj promesojn por la garantia fondaĵo.

Ni petas vian kunlaboron!

Julia Isbrücker,
Esperanta sekretariino de la Komitato,
Oostduinlaan 32, Hago, Nederlando.

## UEA- kaj SAT-Kongresoj en 1928.

UEA, 3.—11. Aŭgusto en Antwerpen. Kotizo 25 sv. fk. — Adreso de LKK.: 11 Kleine Hondstraat.

SAT-Kongreso, 14.—19. Aŭgusto en Göteborg, Svedio. — Kotizo: 2 sv. fk. Kongresadreso: Einar Adamson, Box 73, Göteborg.

Sur ambaŭ kongresoj okazos TAGE-kunvenoj. La kolegoj, kiuj partoprenas la kongresojn, ankaŭ vizitu niajn fakkunvenojn.

## Bibliografio.

**D-ro Emil Pfeffer, Humor de l' mondo en Esperanto.** La ŝerco, spirito kaj anekdotoj de diversaj popoloj en Esperanto kun akompananta germana teksto kaj lingvaj klarigoj. — Prezo: 0,50 g. m. — Tagblatt-biblioteko, Steyrermühl-eldonejo, Wien I, Wollzeile 20.

**Jarlibro 1927 de la lingva Komitato,** Paris, 51 rue de Clichy. — Eldonejo de Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln, Germanujo.

**Teo Jung, Landoj de l' fantazio.** Romano en tri partoj, originale verkita en Esperanto. Kun kvar tutpaĝaj ilustraĵoj, titola kaj kovrila bildoj. 328 paĝoj. Prez. broŝ. rmk. 3.20 (svis. fk. 4.—), duontole bindite rmk. 4,80 (svis. fk. 6,—).

**Ilustrita Biblioteko,** serio I: **Oriento.** La tuta serio (kvin numeroj) kune kostas rmk. 2,— (sv. fk. 2,50); duontole bindita en unu volumo, kun kvar tutpaĝaj ilustraĵoj, rmk. 3,60 (sv. fk. 4,50). Unuopaj numeroj kostas po rmk. 0,50 (sv. fk. 0,65); ĉiu volumeto enhavas titolan bildon kaj tutpaĝan ilustraĵon. Jen la titoloj de la unuopaj volumetoj:

N-roj 1-2. **P. W. van den Broek: Devi Angreni, kaj: Mak Miah.** Du rakontoj el Javo. 64 pĝ.

N-ro 3. **M. Ĉ. Kuo: Ribelemaj Virinoj (Uan Caŭ Ĉin).** Moderna ĥina dramo en du aktoj. El ĥina lingvo tradukis Ŝ. M. Chun. 32 pĝ.

N-ro 4: **Kalidasa: Sakuntala.** Rakonto el la antikva Hindujo. 40 pĝ.

N-ro 5: **Mil kaj Unu Noktoj.** Tri rakontoj el la mondfama fabelkolekto. 32 pĝ.

**D-ro Walter Lippmann, La refleksiva pronomo en Esperanto.** 20 pĝ. Prezo: broŝ. rmk. 0,40 (sv. fk. 0,50).

**H. J. Bulthuis, Josef kaj la edzino de Potifar, aŭ: Idoj de Merkuro kaj Eroso:** Romano originale en Esperanto. Rekomendita de Esp. Literatura Asocio. Du volumoj 188 kaj 200 pĝ. (entute 388 pĝ). Broŝ. ambaŭ volumoj kune kostas rmk. 3,20 (sv. fk. 4,—), duontole bindita en unu volumo rmk. 4,80 (sv. fk. 6,—).

**Edvardo Wiesenfeld, Galerio de Zamenhofoj.** Kun 18 portretoj, unu familia bildo kaj genealogia tabelo. Teksto 40 pĝ. Prezo: kartonite rmk. 1,—.

**Julio Baghy, Dancu Marionetoj!** Novelaro, 173 pĝ. Eldono de l' aŭtoro, Budapest. Kolekto de bonstilaj, amuzaj noveloj, kiun oni bonkonscience povas rekomendi al ĉiuj. — Prezo: duontole bindite 2,60 rmk., tole bindita sur luksa papero kun letero kaj foto de aŭtoro rmk. 3,70, bibliofila silke bindita rmk. 9,—, bibliofila lede bindita rmk. 11,—.

**E. Izgur, Nur volu!** La festo de laboro kaj paco. Unumaja kanto de ribelo. 2-a eldono, 44-paĝa, riĉe ilustrita. — Eldona Kooperativo de SAT, Leipzig O 27, Colmstr. 1 (Germ.). — Ĉi tiu verketo de Izgur estas tute inda al „Je la nomo de l' vivo“, recenzita lastjare je la sama loko. Same entuziasme, profunde kaj forte verkita, la tutaĵo fariĝas ne perdebla kaj multvalora propraĵo en la koro de l' atenta kaj komprenema leganto. Pro la granda valoro de l' ideoj de Izgur por la sana evoluo de la modernaj tendencoj en la mondo oni nur varme povas rekomendi ĉi tiun verketon.

**Universala Esperanto-Asocio, Bibliografia Servo: Katalogo de lingvoj.** (Naturaj, popolaj, literaturaj, klasikaj kaj artefaritaj). 19 pĝ. Prezo: 2 fk. sv. — Ci tiu treege interesa, por interesuloj pri lingvoj kaj esperantistoj tre multvalora kaj en la batalo por la disvastigo de Esperanto tre bone taŭga verketo estas havebla ĉe: Universala Esperanto-Asocio, 12 Boulevard du Théatre, Genève.

**Walter Etzold, Leipzig (samideano), Der Geist des Lehrers.** Rohkosterfolge. 48-paĝa broŝuro, germanlingva. Eldonejo W. Kaiser, Leipzig S 3.

---

**Mendu viajn librojn en la administrejo de I. P. R.!**

---

## Ricevitaj gazetoj.

Hungara Heroldo, Budapest, X. Pongrac-ut. 17. XIV 71. Monata esperanta revuo.

La Svisa Fervojisto, Oficiala organo de la Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj. — Bern (Svisl.), poŝtkesto Transito 560.

Informoj de Esperanto-Asocio de Estonio. Tallinn, postkast 6.

La Nova Tago. La internacia Bahaa Esperanto-Gazeto. Poŝtfako 8, Wandsbek (Germ.).

## Donacoj al I. P. R.

K-o Pruss-Kleinkagen 1,— M de sia akcio, k-o Markaŭ-Potsdam akcion de 5,— M, k-o Schröter-Kemnitz 1,— M de sia akcio. Ni kore dankas por via afableco kaj oferemo.

M. Goldberg.

## Jarlibro 1928.

Laŭ propono de k-o Neužil ni nomas la projektitan jarlibron laŭ ĝia naskiĝjaro Jarlibro 1928. Mankas ankoraŭ raportoj el Aŭstrio, Belgio, Ĉeĥoslovakio, Estonio, Finlando, Grekio, Hispanio, Holando, Hungario, Japanio, Java, Jugoslavio, Norvegio, Portugalio, Rusio kaj Usono.

Alvenis raportoj el Anglio, Bulgario, Danio, Francio, Germanio, Kanada, Latvio, Litovio, Nov Zelando, Polio kaj Svedio.

La petitaj kolegoj bonvolu tuj respondi, ĉu kaj ĝis kiam ili volas pretigi la raportojn. Kiel lastan terminon ni devas destini la 1-an de Marto.

M. Goldberg.

## Redakta noto.

Transdonante al vi, tre ŝatata legantaro, la 1-an numeron de la nova jarkolekto, la redakcio esprimas al vi la plej bonajn kaj sincerajn bondezirojn por la nova jaro kaj ĝi kore petas vin, bonvolu akcepti kaj efektivigi

en ĉi tiu jaro la devizon: Ni kunlaboru kaj helpu evoluigi nian movadon kaj nian gazeton! Nur per la kunlaborado de ĉiuj nia gazeto fariĝos, kio ĝi devas esti. Samtempe mi dankas al ĉiuj, kiuj subtenis la redakcion en la eldonado de I. P. R. dum la pasinta jaro per sendado de artikoloj, gazetoj k. t. p. Plue mi petas vin, sciigu pri viaj opinioj rilatante la enhavon de I. P. R. kaj la redaktadon ankaŭ la

redakcion.

## Alvoko.

Ĵurnalistoj, redaktoroj, verkistoj kaj gazetfakuloj aliĝu al la Tutmonda Presa Ligo! — Sendu artikolojn pri politikaj, sciencaj kaj beletristikaj aferoj al la ĉi-subskribanta centralejo! — Vi reciproke ricevos de ĝi materialon el la tuta mondo, kiun vi prezentu al la gazetoj de via lando. Vi servos per tio al nia movado kaj al la alproksimigo de la popoloj kaj povas gajni monon per gazethonorarioj.

Do, helpu fondi nian Presan Servon!

F. W. Mischke, redaktoro, Radeberg apud Dresden, Mühlstr. 15 (Germanujo).

## Nekrologo.

Antaŭ jarfino mortis nia honorata amiko kaj kolego

**Hermann Rössel.**

De 1911 li estis ano kaj dum kelkaj jaroj ankaŭ kasisto de nia grupo. Multajn novulojn li aligis al nia kara lingvo. Post brila ekzameno li fariĝis instruisto kaj ekzamena komisaro de la Esperanto-Instituto por la Germana Regno.

Jam de antaŭ jaroj grava kancera malsano lin detenis de lia amikaro kaj finis nun lian 50-jaran riĉan vivon.

Por ĉiam lia memoro restos en nia koro.

Leipzig, Novjaron 1928. Esperanto-Instruistaro. A. Degen.

Kun granda ĝojo mi anoncas la naskiĝon de tria filineto

**Eva-Maria.**

13. I. 1928. Reinhold Scheibler.

Wurgwitz-Dresden, vilao Espero.

## Korespondado.

1. Distriktaj kompartia, komjunula, profsindikata kom-toj, mezlernejoj, Domo de klerigistoj kaj prof. klubo serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj. Ankaŭ k-do Genŝaft sciigas, ke li ŝanĝis sian adreson. Skribu al: **k-do Genŝaft,** Belyj, Smolensk. gub. Vjazemskaja, 8. Sovet-Unio.

1. Serioza filatelisto interŝanĝas pm. Respondo estas garantiita. Adreso: Moskva 21, Ulica Usaĉeva 19 A, Korpus 4, Rv. 4. **Vladimir Lyseko,** Sovet-Unio.

Presejo: Dr. Karl Pickert, Leitmeritz, Bohemio.

**Ĉu vi propagandas por Int. Ped. Revuo**

## TARIFO DE LA ABONPREZOJ.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 4 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉek. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | mark. est. | 300 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | drahmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | eskud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1,— M por la germ. asocio, kaj 3.—M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutsch, No. 27.857“, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, Dresden, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

**Varbu abonantojn por Int. Ped. Revuo**

## AGENTOJ DE TAGE.

**Vian kotizon akceptas.**

**En Landoj**

Angla: F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex.
Aŭstra: Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9.
Belga: Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801.
Blankrusa: Agentejo Esperanto, D. Snejko, Minsk, Poŝtkesto 33.
Bulgara: Ivan Sarafov, Colemo-selo, Kazanlika regiono.
Ĉekoslovaka: Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin.
Dana: La Forta Voko, Dana Esperanto-Gazeto, Poŝtkonto: 3584. — S-ro Paul Neergaard, Kastelsvej 21, Kopenhago.
Estona: Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn.
Finnlanda: Pârnânen, Sulkava, Lieviska.
Franca: M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret.
Germana: Goldberg, Frohburgerstr. 68 p. Leipzig-S 3
Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.
Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.
Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag-utca 9.
Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.
Java: K. Wirjosaksono, Klaten.
Jugoslava: Svetislav S. Petrovič, Pirot, Serbio, Novosádska 17.
Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.
Nederlanda: P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR).
G. P. de Bruin, Wagelerdw. str. 28 B, Enschede.
Pola: K. Majorkiewicz, Czersk-Pom. poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan).
Rumana: Francisko Abel, Ineu, Jud. Arad.
Rusa: Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo.
Sveda: Sam Jansson, Rektoro, Beskowska Skola, Stockholm-O.
Svisa: S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo.